# Juna Amiko

APRILO
2013 (136)




ilei

INTERNACIA REVUO POR KOMENCANTOJ KAJ LERNANTOJ DE LA LINGVO **ESPERANTO**

40a jaro de apero



# KIEL ONI ALIRAS LA RETRADION

La 'Esperanta Retradio': http://members.aon.at/aldone/retradio/
Kiam vi volos aŭskulti sonaĵon, vi ricevos surekranan ŝildon informantan ke: "Tiu ĉi enhavo ne videblas en kadro". Bonvolu alklaki sur la saman ŝildon, la subajn vortojn: "Malfermu novan fenestron". Agrablan aŭskultadon!

# Kanguruino alparolas sian kanguruidon

- Karulo, karuleto! Kanguruido, kanguruideto! Mia bela poŝfileto! Poĉjo kara... Poĉjo...



Kiom da fojoj mi devas ripeti: ne eliru el mia poŝo, Poĉjo, ĉar ja estas danĝere ĉirkaŭe!

Jen, mi trikas por vi ĉapelon, ĉapeleton... Jes, jes... Tio estos ĉapeleto por Poĉjo, la poŝfileto...

Ho! Kien vi kuras denove? Venu, venu Poĉjo en la poŝon de Panjo... Venu... Brave! Restu trankvila.

Ne plu forkuru el mia poŝo!

Ho, ne! Denove vi forkuris! Uf! Jen mi metas vin en mian poŝon... tiel ... Kaj ĉi-foje mi zipas la poŝon! Jen! Bone. Nun mi fin-fine povas triki trankvile... Jes... Tio estos ĉapeleto por Poĉjo la poŝfileto...

Karulo, karuleto! Kanguruido, kanguruideto! Mia bela poŝfileto! Poĉjo kara... Poĉjo...Ne forkuru el mia poŝo! Kiu forkuras, tiu povus perdi sin... povus malvarmumi... povus vundiĝi... povus sunbruliĝi... povus fali en abismon... Ĉu vi ne fartas bone en la poŝo de via patrino? Ĉu vi povus trovi iun ajn lokon pli sekuran ol la poŝo de Panjo? Respondu, Poĉjo, respondu...

(Eta paŭzo.)

Poĉjo! Karuleto!! Ho, ve! Mia poŝo estas truita!! Ho, ve! Li forkuris!! Li skribis al mi leteron! "Kara Panjo, ne zorgu. Mi iras al la Suda Poluso, nur por kelkaj monatoj. Mi revenos. Via amanta ido, Poĉjo."

Ho, mi svenas, mi svenas, veeee!

*Tiu ĉi monologo estis aŭdigita ĉe Esperanta Retradio en decembro 2012.*

*Poŝo:* tenujo ĉe vestaĵo (aŭ kangurua bebejo!); *Triki:* plekti lanon por krei vestaĵojn; *Abismo:* truego; *Svenas:* perdas konscion.

# Nia oferto!





# Karaj legantoj!

Jen por la lasta fojo mi salutas vin portanta redaktoran ĉapelon. Tiom da ĉapeloj, tiom malmulte da kapoj. Ĝis nun mi sukcesis kreskigi nur unu kapon kaj ĝi ne toleras tiom da ĉapeloj. Mi restos ligita al la revuo, mi promesis ĉiunumere liveri ĝis dek paĝoj de bon-kvalita kaj pres-preta materialo por mia rubriko LASTE. Tiom etas la ĉapelo de rubrikestro, ke mi povos pendigi ĝin de mia dekstra orelo, lasante tutan liberan kapon por la portado de mia cetera bunta ĉapel-kolekto.

Mi fidas al ILEI, kaj al niaj nunaj kunlaborantoj, kaj al novuloj, kiuj anoncis sin, ke ili trovos manierojn pluvivigi kaj eĉ reakuratigi la revuon. Mi akceptas kulpon pro la ekstremaj malfruiĝoj de la lastaj numeroj – tial mia retiriĝo. Prefere ĉapelon malpli, ol la risko, ke mi fariĝu pli grandkapa ol nun.

Mi, kune kun aliaj, firme kredas je la valoro de fizike presata revuo por niaj lernantoj. Reta vizaĝo utilas kaj valoras – sed suplemente al la palpebla revuo, ne anstataŭ ĝi. Nur la manko de laborfortoj kaj tempo bremsis tiun enretejan progreson. Nova prizorganto restas inter la pluraj ripete reklamitaj postenoj ĉe la revuo. Ni urĝe bezonas pli da kapoj, por pli justa distribuo de ĉapeloj.

Ĉi tiun enkondukon mi verkis en trajno, survoje al Poznano en Pollando, kie ariĝis kelkaj ILEI-anoj kaj kunlaborantoj de *Juna amiko*, kaj kie okazis produktivaj diskutoj pri la estonteco de la revuo.

Spite la vagon-skuojn, mi salute levas ĉapelon, deziras bonan legadon, kaj sukceson al la nova teamo!




SMG

Stefan MacGill, via multjara redaktoro

# Konversaciaj temoj

help-materialo por ekzamenotoj

Rubrikestro: Judit Felszeghy

## I. La koncert-biletoj aĉetitaj!

*Aminda (A):* –Imagu, Bella, en la sekva monato prezentiĝos ĉe ni la rokbando, 'La Purpuraj Diablidoj'!

*Bella (B):* – Kion vi diras?! Ĉu vere? Certe mi jam delonge sopiras vidi kaj aŭskulti ilin! Mi supozas, ke la prezoj de biletoj atingos la stelan ĉielon, eĉ se oni povas ricevi ankoraŭ unu...

*A:* *(ridetas sekreteme)* – Mi preparis surprizon por vi kaj por la amikinoj, Cecilia kaj Karla! Divenu, kion!

*B:* – Ĉu eble vi jam rezervis kvar biletojn?

*A:* *(daŭre kun sekretema rideto)* – Divenu plu, vi ankoraŭ ne trafis, sed vi jam proksimiĝas al la celo!

*B:* – Ĉu vi eĉ aĉetis biletojn?



*A:* *(nun kun rideto triumfa)* – Jes! Vi trafis! Mi mendis la kvar biletojn jam antaŭ du monatoj, tuj, kiam mi ekaŭdis pri la gastorolado de La Purpuraj Diablidoj, kaj mi ankaŭ pagis ilin, ĉe la reta giĉeto de la Organizanto. Tiel mi ne devis stari en vico dum duontago, kaj eĉ la biletoj kostis malpli.

*B:* – Mirinde! Nekredeble! Mi eĉ ne revis, ke mi povos spekti ilin! Estas mi ege feliĉa!

*A:* – Nun mi telefonu al Cecilia kaj vi al Karla por averti ilin, ke ili ne faru programon por tiu vespero! Ne forgesu, la koncerto okazos la 13an de julio, sabaton!

*B:* – Jes, ankaŭ mi notos la daton, tuj ... Kaj kie ĝi okazos? Ĉu en la Centra Sporta Stadiono, kiel kutime?

*A:* – Jes! Mi esperas, ke ankaŭ la vetero estos favora al ni, kaj ne pluvos! Do, mi nun telefon-vokos al Cecilia... mi proponos, ke ni renkontiĝu jam tagmeze ĉe ni, en tiu tago.

*B:* – Bona ideo! Konsentite!

# II. Sinpreparado

***Cecilia (C):*** – Mi estas ekscitita, Karla! Mi ankoraŭ neniam sukcesis ĉeesti „veran” koncerton!

***Karla (K):*** – Mi jam partoprenis koncerton en la Centra Sporta Stadiono, sed nur unufoje, lastjare. Tio estis vere granda travivaĵo!

***C:*** – Mi ne scias, kion mi surmetu... ĉu la plej ĉifonan ĝinzon? Ĉu tute nigran kompleton?

***K:*** – Vi ja surhavas ĉarman someran robon, kial vi volas ŝanĝi ĝin?

***C:*** – Vi certe ne imagas, ke mi partoprenos mian unuan koncerton en tiu infaneca robo, ĉu? Mia dorsosako estas plena je vestaĵoj, kaj nun ni elektos la taŭgan ĉe Aminda!

....



***A:*** – Saluton karaj! Envenu! Bella jam alvenis, kaj ni estas preparantaj sandviĉojn por la vespero!

***C kaj K:*** – Saluton Aminda, saluton Bella!

***K:*** – Ni kunportis trinkaĵon, jen estas minerala akvo, fruktosuko en la alia botelo, ankaŭ kokakolao.

***C:*** – Aminda, kiel bele vi estas ŝminkita! Ĉu vi helpos al mi ŝminki min?



***A:*** – Jes, sed unue ni manĝu iom...

***C:*** – Bella, mojosa estas ja via To-ĉemizo kun 'La Purpuraj Diablidoj'!

***B** (ridas) :* – Jen mia surpriza donaco: mi mem elektis tiun bildon pri la rok-bando, kaj kopiigis ĝin sur simplaj ruĝaj ĉemizoj! Jen po unu ankaŭ por vi, knabinoj! Vi povas surmeti ilin!



***A, C, K:*** – Dankon, dankegon! Bonege! Tute taŭgaj ili estas!

***A:*** – Knabinoj, kiun ŝminki ankoraŭ? Poste mi proponas, ke ni baldaŭ ekiru, ni alvenu ne lastminute!

# III. La koncerto

***K:*** – Sciu, ke 'La Purpuraj Diablidoj' estas nuntempe la plej mojosa rokbando! Mi freneze ŝatas ilin!

***B:*** – Jes, nun ili pleje furoras!

***A:*** – Aŭskultu tiun pecon! Tiriri tam tam... Tiu ĉi estas mia preferata!
***B:*** – Rigardu la bas-gitariston! Nekredeble bona li estas!
***C:*** – Jen la tamburisto, kiel virtuoze li ludas! Knabinoj, rigardu lin!
***K:*** – Min frenezigas la voĉo de Lalo, la kantisto!
***A:*** – Nekredeble ĉarma!
***C:*** – Nun la drumo, ho, tiu ritmo! Dam – damm – di-damm! Treege lerta li estas!




***K:*** – Eksilentu! Aŭskultu la klav-instrumenton! Mirinda estas la melodio! Kaj... nun aldoniĝas la solista gitaro!
***C:*** – Knabinoj! Mi tuj svenas! Tio estas belega!
***B:*** – Ankaŭ ni etendu la brakojn, kiel la aliaj! Kaj ni kantu kune kun la rok-bando!
***C:*** – Ĉu eble ankaŭ ni tenu flamon en la manoj? Mi kolektis la fajriligojn hejme kaj kunportis ilin, jen...
***B:*** – Ho, kia vespero, neforgesebla ĝi estas! Aminda, ĉion ĉi ni dankas al vi! Bone, ke vi ricevis la informon!
***A:*** – Kaj al vi, Bella la To-ĉemizojn, al Karla la trinkaĵojn, al Cecilia la fajrigilojn... kaj al ni ĉiuj, ke ni havas bonegan programon kune!
***K:*** – Ho, jes! Kaj al tio aldoniĝas la muziko de 'La Purpuraj Diablidoj!' Hura!

**Prenu rolojn kaj aktoru la dialogojn kun amikoj!**
**Desegnu vi koncerton kiun vi partoprenis!**

## Taskoj:

1. *Skribu mallongan dialogon pri aĉetado de bileto!*
2. *Imagu, ke vi partoprenos rok-koncerton (teatran vesperon, subĉielan opero-prezentadon) kaj rakontu, kiel vi vestus vin!*
3. *Vicigu (helpe de vortaro) kiuj muzikinstrumentoj estas en ĵaz-orkestro, pop-grupo, klasika simfonia orkestro, kaj en la popolmuzika orkestro de via lando!*
4. *Skribu leteron al via amik(in)o, pri partopreno en subĉiela rokkoncerto!*
5. *Kreu skeĉon (dialogon) inter deziranto viziti koncerton kaj bilet-vendanto, kiu devas informi vin, ke ĉiuj biletoj estas forvenditaj.*

**Vortklarigoj:**
*Rokbando:* malgranda muzikgrupo, ludanta rokmuzikon
*Purpura:* viol-ruĝa koloro
*Diablo:* simbolo de malbono, ribelanta kontraŭ Dio, aŭ kontraŭ la bono.
*Triumfo:* granda sukceso, aparte rimarkinda atingo.
*Mendi:* postuli, ke iu faru ian poste pagotan servon aŭ liveru ian poste pagotan komercaĵon
*Rolo:* tion devas fari aŭ diri la aktoroj en teatro aŭ filmo
*Giĉeto:* fenestreto en pordo, mureto, destinita por interparoli aŭ pasigi ion
*Revi:* imagi tion, kion oni forte deziras
*Koncerto:* muzika kunveno, dum kiu oni ludas plurajn kantaĵojn aŭ instrumentajn komponaĵojn
*Noti:* skribi pri io mallongan memorigan resumon
*Proponi:* prezenti al ies juĝo; antaŭmeti diskutotaĵon
*Eksciti:* fari tre intensa la funkcion de korpa organo aŭ senso
*Ĉifona:* difektita, eluzita peco da teksaĵo, da vesto, kc.
*Ĝinzo:* pantalono de okcident-usona origino, el dreliko, ofte blua
*Kompleto:* tuto de la partoj necesaj, al bona aspekto aŭ funkcio
*Kokakolao:* unu el la specoj de kolao – alakoido, indiĝenoj uzis ĝin kiel tonika maĉaĵo
*Mojosa:* mallongigo de triradika kunmetaĵo „modernjunstila", parto de la junulara esperanto-slango de la 2000-aj jaroj, ne (ankoraŭ) en PIV.
*Surprizi:* mirigi per sia neatenditeco
*Ŝminki:* kolorigi la vizaĝon (haŭton, okulharojn ktp) aŭ aliajn korpo-partojn per tiucela farbo
*Furori:* esti en ega favoro, esti tre pasie disvastigata
*Bas-gitaristo:* muzikisto ludanta sur malaltvoĉa gitaro
*Tamburo:* muzika frapinstrumento konsistanta el malplena cilindro, kies bazaj flankoj estas fermitaj per du maldikaj streĉitaj membranoj el ledo, kiujn oni frapas ordinare per bastonoj
*Sveni:* perdi dum kelkaj momentoj la konscion kaj sinmovon
*Virtuozo:* artisto, posedanta brilan talenton por ludi muzikajn verkojn
*Drumo:* parto de ĵazorkestro aŭ popgrupo, konsistanta el diversaj tamburoj kaj cimbaloj, donanta la ritman fundamenton
*Klavinstrumento:* muzikinstrumento, havanta prem- aŭ tuŝbutonoj kaj donanta sonojn ofte similajn al diversaj tradiciaj muzikiloj
*Melodio:* sinsekvo da muzikaj sonoj agrablaj por la orelo kaj formantaj muzikan frazon
*Fajriligo:* Ilo, enhavanta gason kaj donanta malgrandan flamon, por ekbruligi meĉon aŭ fajron.

# LUME

## LA UNUA MIRINDA ETAĜO

Rubrikestro, verkinto kaj desegninto: Karina MacGill




Rigardu!
I.
II.
III.
TIRU
LA
II.
Eble se ni tiras la ĝustan ŝnuron, la sablo ĉesos enŝutiĝi.


Kiun mi tiru?
TIRU
LA
Rapide, ni devas elekti unu! La sablo altiĝas!
Helpu al Esplo kaj Rema, desegnu la ĝustan tekston sur la karto. (TIRU, LA, aŭ II.)
Via helpo savis nin!
Elirejo!


Kia bonŝanca eskapo!
Vere, ne ĉiutaga sperto!
Nun kien ni pluiru?
Helpu al Esplo kaj Rema, ordigu la literojn de la vortoj!
MNDAARGLASLNOAO
EMONRAKOODIRRO
VMARABJAENO
IRENSETAĈBMRAO
SRTEEKABKONALO

# LUDE
LA UNIKA DUA ETAĜO

La rubrikon prizorgas:
Mónika Molnár

## Feliĉan naskiĝtagon Juna Amiko!



Rakontemulo revenis en la ĉambron por vidi, kiu el la infanoj finis jam la ne tro facilan serĉadon. Kiun serĉadon? Ĉu vi memoras lian last-numeran enigmon? Li preparis 2 ekzemplerojn de la provnumera kovrilpaĝo de nia Juna Amiko. La unua estis la vera bildo, sed la dua, jes ja post 40 jaroj, bezonis iom da renovigo.



- Do, infanoj! Kiu trovis la 12 misaĵojn? - demandis Rakontemulo.




- Mi! Mi! Mi trovis ĉiujn! - ekscitiĝis Lertulido. Vidu, mi montros ilin al vi, tiel ĉiuj povas kontroli siajn solvojn.
- Gratulojn! Vi estas vere tre lerta kaj observema. Vi meritas pecon da torto el la naskiĝtaga torto de Juna Amiko!
- Dankon! Mi vere ŝatas enigmojn. Ĉu vi havas ankoraŭ ion por ni?
- Atendu, atendu. Jes, eble mi havas ion por vi kaj por viaj amiketoj. Jen nia dua enigmo. Vi vidas kradaron, en

*kiu kaŝiĝas la nomoj de 12 tiaj landoj, en kiuj oni legas Junan Amikon, kaj kiuj same kiel vi, senpacience atendas la novan numeron de nia revueto. La bildoj, flagoj, simboloj helpetos vin, sed cetere la enigmo solveblas eĉ sen ili. Legu bone la*




*instrukciojn: ĉiuj direktoj validas! Bonan lando-serĉadon al ĉiuj! Tiuj, kiuj ŝatus gajni surprizon per ĝi, sendu siajn solvojn al:*

*Monika Molnar, Ecole de La Grande Ourse,*
*Recrêtes 18, CH-2300 La Chaux-de-Fonds, Svislando*



# KANTU kun JUNA AMIKO

## LA SORĈA KANTO-MONDO

Preparas: Małgosia Komarnicka
ul.Kilińskiego 14/3, PL-59-300 Lubin,
Pollando
malgosia.junaamiko@gmail.com



Kanto akompanas nin ĉie... Ni volonte aŭskultas ĝin, ĉar ĝi helpas vidi kaj krei alimaniere la mondon, permesas revi aŭ transdoni niajn sentojn. Ĝi ankaŭ helpas akiri pli bonajn rezultojn dum lernado, ĉar lernantoj ludante samtempe lernas, kreskigas sian emocian engaĝiĝon en la lerno-procezo. Sufiĉas nur ekkanti kaj ili tuj rememoras kanto-vortojn. Tiumaniere la lernantoj plej bone kaj sugeste alproprigas al si la materialon de la leciono ofte ne konsciante, ke ili ekzercas fremdan lingvon. La laboro kun kanto havigas ĝojon kaj kontenton al la lernantoj, do ni ne malhelpu ĉi agrablecon de kantado dum la Esperanto-lecionoj.

Mi prezentas la hungaran popolan kanton ***Vent' printempa,*** kiun sendis **Julianna Vas-Szegedi.** La kanton esperantigis **Ferenc Jaki.**

Kaj nun mi invitas vin al la sorĉa kanto-mondo.



# Vent' printempa



Vent' printempa kirlas akvon
floreto, floreto.
Ĉiu bird' elektas paron
floreto, foreto.



Sed mi jam kiun elektu,
floreto, floreto.
Vi min kaj mi vin elektu,



floreto, floreto.



Konstruu kruc-enigmon uzante la vortojn de la kanto.
Finu desegni la florojn.
Kion faras printempa vento?
Kion elektas birdo?

# Kantu, Kolorigu kaj Solvu!

Bonvolu sendi al mi viajn proponojn de kantoj, ke ni ekkonu belajn kantojn el la tuta mondo.

# LA ESPERANTA KANTO ESTAS BONA POR NI ...

La 17an de majo 2013 en Vroclavo, Pollando, okazis grava sukcesa evento kune preparitaj de esperantistoj kaj ne-esperantistoj.

En la Elementa Lernejo n-ro 9 je la 12a horo komenciĝis la unua **Eŭropa Festivalo de Esperantaj Kantoj**. Ĝi anstataŭigis la pli frue ekzistantan esperant-lingvan konkurson pri kristnaskaj kantoj. Ĉar tiu konkurso ne ĝuis popularecon kaj ne allogis partoprenantojn, mi proponis ŝanĝi ĝian formulon, kaj tiel ekestis la Eŭropa Festivalo de Esperantaj Kantoj. Ĝi **estos okazigata ĉiujare, ĉiun trian vendredon de majo, en du kategorioj:**

1. **koruso aŭ ensemblo,**
2. **solisto.**

La ĉi-jaran Festivalon kune preparis Silezia Esperanto-Asocio kaj la Elementa Lernejo n-ro 9 en Vroclavo. Ĝi okazis sub patronadoj de Mila van der Horst Kolińska, konata esperantistino, honora membro de UEA kaj ILEI kaj ankaŭ sponsoro de la Festivalo, kaj de la senatano de Pola Respubliko prof. Edmund Wittbrodt, iama ministro pri klerigado en la estraro de Jerzy Buzek, kaj nun prezidanto de la Senata Kolegio por Subtenado de Esperanto.

La festivalejo estis belege ornamita de la lernejaj instruistinoj. Oni ankaŭ preparis manĝaĵojn por la partoprenantoj, instruistoj kaj gepatroj, kiuj akompanis la junajn kantantojn.

La publikon kaj la partoprenantojn salutis la direktorino de la lernejo s-ino Anna Szanin kaj la kunordigantino de la evento Małgosia Komarnicka, kiu reprezentis Silezian Esperanto-Asocion. La Festivalon gvidis Małgosia Komarnicka helpe de Wojtek Ławnikowicz, kiu kantis Esperantajn kantojn, kaj de Helena Biskup, kiu deklamis pole kaj Esperante popularajn versaĵojn.

En la kategorio 'solisto' la ĵurio aljuĝis tri premiojn. Ricevis ilin: Kamila Jasionowicz el la Gimnazio n-ro 1 en Złotoryja (la unua premio), Julia Jeziorowska el la Elementa Lernejo n-ro 9 en Vroclavo (la dua premio) kaj Wiktoria Karyś el la Gimnazio n-ro 1 en Góra (la tria

premio). En la kategorio 'koruso aŭ ensemblo' la ĵurio decidis aljuĝi nur unu premion. Ĝin ricevis ensemblo el la Esperanta Klubo en Góra. La ĵurio pritaksis ne nur muzikajn, sed ankaŭ lingvajn valorojn. Ĉiuj ĉeestantoj ricevis diplomon, kaj la premiitoj, diplomon, pokalon kaj donaco-premion. Premioj estis disdonitaj ankaŭ al instruistoj, kiuj motivigis kaj preparis siajn lernantojn partopreni la festivalon. Ĉiuj ĉeestantoj revenis hejmen tre kontentaj, promesante plivastigi sian repertuaron de Esperantaj kantoj. Ili certe estos bonaj ambasadoroj de Esperanto.

En la ĉi-jara Eŭropa Festivalo de Esperantaj Kantoj ĉeestis ĉefe ne-esperantaj infanoj kaj gejunuloj, kio estis por la organizantoj granda surprizo. La E-medion reprezentis nur la Esperanta Klubo el Góra, gvidata de Lidia Nowak.

La sekva festivalo okazos la 23an de majo 2014, kaj ni jam nun invitas esperantistojn ĉeesti ĝin.

La organizantoj de la Eŭropa Festivalo de Esperantaj Kantoj petas pri via helpo. **Projektu lud-amuleton de la festivalo.** Ni kalkulas je viaj ideoj kaj fantazioj. Kaptu krajonojn, kolor-krajonojn, penikojn, farbojn kaj ankaŭ aliajn materialojn kaj desegnu la lud-amuleton, kiu simbolos nian sukceson.

**Valoraj premioj atendas vin.** Sendu viajn laboraĵojn ĝis la fino de 2013 al la adreso: Silezia Esperanto-Asocio, ul. Kościuszki 35 B, PL-50-011 Wrocław, Polska. Ne forgesu aldoni viajn nomon, adreson kaj indikon 'Festivalo'.

Samtempe ni informas, ke ni organizos belan ekspozicion de ĉiuj konkursaĵoj en la bela lokalo de Silezia Esperanto-Asocio en Vroclavo kaj en la konata vroclava klubejo *Pod Kolumnami* (Sub la Kolonoj).

Małgosia Komarnicka
la kunordigantino de la Eŭropa Festivalo de Esperantaj Kantoj


Amuletoj – bon-sort-portaj ornamaĵoj.

Nia unua kovrilo montras partoprenintojn de la unua Festivalo fiere montrantaj siajn diplomojn.

# Interkultura mondo

**Rubrikestro:** Elena Nadikova,
E-klubo „Betuleto",
Lernejo/Ŝkola 56,
pr. Traktorostroitelej, 38
RU-428028 Ĉeboksari, Rusio.
lena_espero@mail.ru.

Saluton, karaj legantoj! Estas tradicie, ke nia rubriko rakontas pri interesa interkultura agado ene de Esperantujo. Niaj legantoj jam kelkfoje legis pri diversaj sukcesaj internaciaj projektoj pere de Esperanto. Hodiaŭ ni daŭrigos la temon kaj rakontos pri nova iniciato de esperantistoj kadre de la Projekto *Comenius*. Ĝi nomiĝas ***'Diversaj karier-vojoj – ni transformu defiojn en eblecojn por realigi niajn sonĝojn'***. La iniciantino kaj kunordigantino de la projekto estas la jam bone konata al ni eminenta bulgara esperantistino kaj instruistino sinjorino Mariana Gencheva.



La unua laborvizito kadre de la projekto okazis inter la 4a kaj la 11a de novembro 2012 en la bulgara urbo Polski Trambeŝ. Partoprenis la renkontiĝon lernejaj grupoj el kvin landoj: Italio, Germanio, Litovio, Rumanio kaj certe, Bulgario mem. La temo de la unua laborvizito estis 'Inter la historio kaj la estonteco'. La ĉefa celo, kiel ĉiam, estis eduka: pere de Esperanto okazigi interkulturajn komunikadon kaj agadon. Kaj, kiel ĉiam, danke al ĝiaj partoprenantoj, la aranĝo pasis plensukcese.

Komencigis la unuan renkontiĝon vizito al la lernejo 'Canko Cerkovski' en Polski Trambeŝ. Ĝia direktorino salutis - jam kvinfoje – la delegaciojn de la nova Projekto *Comenius*. Ĉiu partoprenanta lernejo prezentis sin en Esperanto. La bulgaraj lernantoj prezentis folkloran programon kiu enkondukis ĉiujn en la bulgaran popolan arton. La interkonatiĝon de la lernantoj plifaciligis la ludoj organizitaj de la instruisto pri Esperanto Andre Demarque. Pere de la ludoj li sukcese altiris partoprenantojn kaj al la lernado de la lingvo, kaj al interkonatiĝo, interagado. Poste sekvis la leciono pri Esperanto. Lernantoj estis ĉiuj dezirantoj, kiujn oni grupigis laŭ la lingvonivelo. Gvidis tion instruistoj el Litovio, Germanio kaj Belgio. Grava parto de la unua tago estis prezentado de

ĉiu lando-partnero. La lernantoj pretigis grandajn kaj belajn afiŝojn pri siaj landoj. Ĉiuj povis ĝui belaĵojn, turismajn vidindaĵojn kaj multajn pitoreskajn lokojn de Italio, Germanio, Litovio, Rumanio, Bulgario. Ĉiuj partoprenantaj teamoj konkuris por prezenti la plej signifajn aspektojn de siaj landoj. Pli poste la afiŝoj estis ekspoziciitaj en la lernejo por esti rigardataj de la lernantoj kaj instruistoj kaj komunumo de Polski Trambeŝ.

Finiĝis la unua tago pere de Vespero de Talentoj. Bulgaraj, rumanaj kaj litovaj lernantoj prezentis belajn, artajn, folklorajn program-erojn, karakterizajn por iliaj landoj kaj regionoj. Kaj ĉiuj kantis ankaŭ en Esperanto.


Prezento de Aikido

La dua tago plene estis dediĉita al la detala konatiĝo de ĉiuj partoprenantoj kun la bulgara historio kaj kulturo. Matene okazis konkuro de teamoj formitaj el la lernantoj kaj instruistoj de ĉiuj partoprenantaj landoj. La temo de la konkuro estis 'Ĉasado de trezoroj'. La partoprenantoj komunikis en Esperanto kaj malkovris la trezorojn de Polski Trambeŝ. La lernantoj ekkonis la urbon, gviditaj al diversaj celoj, kiel, ekzemple, la Muzeo de Historio. Tie ili kolektis interesajn informojn pri la historio de la lando kaj de la loko.

Posttagmeze okazis vizito al ***Veliko Tărnovo***, la bulgara urbo, ĉefurbo de la samnoma regiono, konata ankaŭ kiel 'la urbo de la caroj'. La urbo situas sur la bordoj de la rivero Jantra. Veliko Tărnovo estis la ĉefurbo de la Valaĥa-Bulgara Imperio (Carlando) inter la jaroj 1185-1393. La malnova urbo etendiĝas sur tri montetoj: Carevec, Trapezica kaj Sveta Gora. La malnovaj sidejoj de la caroj kaj patriarkoj de la Valaĥa-Bulgara Imperio troviĝas sur la monteto Carevec. La vizito ĉarmis la partoprenantojn, per beleco de la loko sed ankaŭ per la leciono de loka historio kiun ili partoprenis. Al la bulgara kulturo estis dediĉita ankaŭ la vespero de la sekva tago. Belan folkloran programon prezentis la lernantoj kaj instruistoj de la loka lernejo. La spektantoj ĝuis popolajn tradiciojn, kantojn kaj dancojn de la regiono. La partoprenantoj aprezis la spektaklon kaj ĝojis ekscii novajn detalojn pri la bulgaraj kutimoj, popolaj kostumoj, muziko kaj dancoj.

La trian kaj kvinan tagojn eblas nomi la plej seriozaj tagoj de la unua labor-vizito. Ili estis plenaj je diversaj esploroj. Matene ĉiu delegitaro prezentis

antaŭpreparitan materialon **'Profesia orientigo kaj elekto de la kariero'**. La partneraj lernejoj prezentis teoriajn verkojn, ilustritajn per praktikaj aplikaĵoj.



Posttagmeze la delegitaroj prezentis apartajn materialojn kun la temo **'Kiel mi imagas Bulgarion'**. La celo estis montri kiel ili perceptas Bulgarion, la difinajn trajtojn de tiu lando, ĝiajn historiajn, ekonomiajn, kulturajn apartaĵojn. Fakte, la partoprenantojn oni petis evidentigi siajn konojn pri Bulgario. La preparitaj materialoj altiris la simpation de la bulgaraj lernantoj kaj instruistoj. Por kompletigi sian imagon pri Bulgario, la lernantoj partoprenis en la renkontiĝo kun la urbestro, vic-urbestro kaj prezidanto de la loka konsilantaro. Tie estis diskutitaj diversaj interesaj temoj: la prioritataj taskoj en la ekonomia kaj socia disvolviĝo de la komunumo, la kreado de laborlokoj, kunlaborado, ĝemeliĝo kun aliaj urboj. Junaj civitanoj havis okazon informiĝi pri interesaj problemoj rilate la edukadon, la kunlaboradon de la Loka Konsilantaro kun la lernejo.

Poste sekvis mallonga vizito al moderna loka entrepreno, produktanta antenojn kaj signal-direktilojn. La 9an de novembro okazis prezentado pri la temo ***'La historio kaj la disvolviĝo de la ekonomio en la partoprenantaj landoj inter la jaroj 1900-1989'.***

La lernejoj prezentis referaĵojn pri la landoj de ĉiuj partneroj. Ĉiuj ĝuis interesajn kaj bone dokumentitajn materialojn.



Kiel la rezulto de ĉiu prepara laboro iĝis konkuro pri ĝenerala kulturo, kun karakterizaj demandoj pri diversaj aspektoj de la partoprenantaj landoj. Ĉiuj lernantoj montris vastan kulturon, komunikadajn kaj esprimivajn kapablojn.

Dum la renkontiĝo la partoprenantaj instruistoj havis la okazon detale viziti la lokan lernejon. Ili rigardis la bibliotekon, laboratoriojn, kabinetojn, desegno-ĉambrojn, mekanikajn laborejojn. Ili bone informiĝis pri la organizado de la

lerneja agado, pri la redaktado de la publikaĵoj de la lernantoj (lerneja revuo, jarlibro), pri la lernejaj projektoj kaj kunlaboradoj. Ankaŭ la instruistoj-vizitantoj renkontiĝis kun siaj bulgaraj kolegoj. Kadre de ronda tablo oni diskutadis pri diversaj temoj: la eduksistemoj de la partoprenantaj landoj, la forestado kaj ĝiaj kaŭzoj, lerneja kaj profesia orientigo, penetrado en la labormerkaton, salajroj, loko kaj rolo de la instruistoj en la socio.

Abunda estis, kiel ĉiam, amuza parto de la renkontiĝo. Multis ekskursoj. Krom jam menciita Veliko Tărnovo, la partoprenantoj vizitis la etnografian muzeon Etar kaj du najbarajn monaĥejojn. La lernantoj povis kompari aspektojn kulturajn, tradiciajn kaj religiajn. Ili multe ĝojis malkovri tiujn, kiuj estas komunaj en iliaj landoj. La vizito al Plevna [Pleven], al la Muzeo lokita en la parko Skobelev, permesis al la lernantoj renkonti la nacian historion.

Gaje pasadis diversaj sportaj konkuroj; allogaj, sagacaj ludoj, proponitaj de Andre Demarque. Ankaŭ liaj edukaj ekzercoj ĉiam bone paroligis kaj aktivigis la partoprenantaron. Kaj tradicie ĉiutage la lernantoj partoprenis kursojn de Esperanto – la ĉefa ilo de la renkontiĝo kaj la tuta projekto mem. Fakte, pere de ĉiu komuna agado kaj ĉeestado mem la partoprenantoj pliriĉigis siajn konojn kaj ekzercis sian komunikad-kapablon en la internacia lingvo. Kaj, krom la lecionoj pri Esperanto, pri historio kaj geografio, la lernantoj lernis ankaŭ alian lecionon: trans la landlimoj ekzistas amikeco kaj solidareco. Ili loĝis en la familioj de siaj bulgaraj amikoj. Ili kune festis la naskiĝdaton de sia rumana amiko. Ili komune studis la vivo-sferojn de Germanio, Italio, Litovio, Rumanio kaj Bulgario. Ĉu tio ne estas bona pruvo de granda valideco de Esperanto kiel la internacia kaj interkultura lingvo? Tiu konkludo estis inter la plej gravaj de la



unua labor-renkontiĝo kadre de la nova Projekto *Comenius*. Kaj ĝia plena sukceso estas samtempe nova sukceso de Esperanto, ĉu?

**Ni gratulas ĉiujn partoprenantojn en Polski Trambeŝ! Kaj atendas novajn sukcesajn aranĝojn pere de nia internacia lingvo!**

Interkultura mondo *esprimas koran dankon al sinjorinoj Ioana Dumitrescu, Mariana Berariu kaj Mariana Gencheva pro la disponigitaj materialoj.*

# EKAMU MATEMATIKON...

Matematiko estas uzebla. Ĝi permesas kalkuli, ĝi instruas logikan pensadon kaj stimulas nian imagon. Per matematiko ni povas ankaŭ priskribi la mondon. Ĝi estas bezonata en la lernejo, domo, oficejo kaj en nia ĉiutaga vivo. Preskaŭ ĉiuj kampoj kunligas sin kun matematiko. Oni diras, ke matematiko estas la reĝino de la sciencoj. Laŭ Galileo Galiei "Matematiko estas la alfabeto per kiu Dio skribis la mondon".

Kial do plimulto de lernantoj ne ŝatas matematikon? Ĉe mi jam la vorto 'matematiko' kauzas mirigan premon de la stomako...

Bardhyl Selimi dum pli ol 40 jara sperto en instruado de matematiko konvinkiĝis, ke gravas metodo de instruado kaj instruisto, kiu instruas tiun studtempon. Bardhyl Selimi, la sekretario de la Albana Esperanto-Instituto, la sekretario de albana ILEI-sekcio eluzante sian sperton verkis tre interesan libron *Amuziĝu per matematiko*. Laŭ ĝi mi provos proksimigi al vi amuzan bildon de matematiko. Mi invitas ĉiujn, tiujn, kiuj ŝatas kaj tiujn, kiuj ne ŝatas matematikon ĉeesti en la **lecionoj de matematiko kun Juna Amiko**.

Bonvolu tralegi la matematikajn taskojn kaj provu solvi ilin. Sekve komparu viajn solvojn kun tiuj de Bardhyl. Ne ĉagreniĝu se la tasko estas tro malfacila. Sur paĝo 43 vi trovos solvojn de ĉiuj taskoj.

## LA UNUA TASKO:

Unu masonisto konstruas la domon ene de jaro, alia masonisto ene de du jaroj, la tria ene de tri jaroj, dum la kvara ene de kvar jaroj. Dum kiom da tempo la domo finkonstruiĝos se laboros tiu kvaropo de masonistoj?



## LA DUA TASKO:



Tri turistoj mendis flanojn. Atendante ke la flanoj pretiĝu, ili decidis ripozi en la ĉambro. Kiam la kelnero alportis la bakitajn flanojn en la ĉambron, la turistoj ankoraŭ dormis. Tiam li lasis la flanojn sur la tablon kaj foriris. Post kiam vekiĝis la unua turisto, ĉi tiu kalkulis kiom da flanoj estis, prenis la trionon de ili, manĝis kaj denove ekdormis. Iom poste, vekiĝis la dua kiu agis sammaniere.

Ankaŭ la tria agis sammaniere. La tria turisto lasis surtable ok flanojn. Finfine, vekiĝis definitive ĉiuj tri turistoj kaj ili volis disdividi la reston de la flanoj. Kiamaniere oni devus fari tion?

## La tria tasko:

Mi posedas sakon da pomoj. Pomoj estas malpli ol 5000. Kiam mi envicigas ilin po 10, 9, 8, 7, 6, 5, 4, 3, 2, ĉiam mankas unu pomo. Kiom da pomoj estas en la sako?"

## Humoraĵo:



Eŭklido demandis iutage sian lernanton:
- *Kion vi dezirus ekhavi: du pomojn aŭ kvar duonpomojn?*
- *Mi ŝatus la duonpomojn - respondis la lernanto.*
- *Kial do? Ĉu ne samas?*
- *Ne, estas malsame. Tranĉitajn oni ne povas diveni ĉu ili entenas vermojn aŭ ne.*

La lecionon kun helpo de Bardhyl Selimi preparis Małgosia Komarnicka.
[Bardhyl Selimi „Amuziĝu per matematiko", Tirano 2009.]

Mi supozas, ke la difino de frenezulo estas homo ĉirkaŭata de multaj el ili. (nekonata)

Ni ŝatas kaoson, ĉar ni emas ordigi aferojn. (la artisto M.C. Escher)

**Vortklarigoj laŭvice:**

*Amuziĝi:* ludi, trovi plezuron
*Ĉagreniĝi:* elvoki malgajon, timon...
*Masonisto:* homo, kies metio estas konstrui fortike ion el ŝtonoj aŭ brikoj
*Kvaropo:* grupo de kvar personoj
*Flano:* patkuko aŭ krespo: plata kuko, kiun oni preparas en pato kaj ĝi estas farita el faruno, lakto kaj ovo
*Triono:* 1/3 ; *Kvarono* 1/4; *Kvinono* 1/5
*Envicigi:* meti unu post la alia
*Humoraĵo:* amuza kaj mallonga rakonteto

**Edzo:** Vidu, kara, kiom brile blanka fariĝis via plej amata ĉemizo post la uzo de tiu nova sap-pulvoro, reklamata en la televido!
**Edzino:** Sendube vi pravas. Sed tamen, mi ĉiam ŝatis ĝiajn striojn kaj floretojn.



# INTERVJUO DE L'REVUO

NOVA RUBRIKO!

**Nia intervjuinto: Judit Felszeghy. Nia intervjuito: 'Noktema'**



JA:

*Saluton, mi jam delonge konas vin, sed bonvolu prezenti vin al la legantoj de Juna Amiko!*

Saluton! Mi nomiĝas Crystal Hill (ankaŭ konata kiel '*Night-star*' aŭ 'Noktema'). Mi estas 27-jaraĝa usonanino, loĝanta en Aŭstralio. Tamen, verdire, mi eĉ mem ne scias, kio estas mia profesio!

JA:

*Vi bone parolas Esperanton! Kiel vi konatiĝis kun ĝi?*

Delonge mi estis amanto de lingvoj diversaj. En gimnazio mi komencis lerni la japanan lingvon per diversaj libroj kaj interreto. En 2003 mi iomete enuiĝis pro la malfacileco de la japana kaj serĉis novan, pli facilan lingvon por lerni. Per la reto, mi eksciis pri Esperanto kaj komencis lerni ĝin. Dume, mi vizitis universitaton kaj studis lingvistikon.

JA:

*Sed via kontakto kun la japana lingvo ankoraŭ ne finiĝis, ĉu?*

En 2007 mi diplomiĝis en la Universitato *Portland State* kaj du monatojn poste mi komencis labori kiel asista instruisto de la angla lingvo en Japanio. Dum tri jaroj mi instruis la anglan en publikaj lernejoj kaj kia aventuro tio estis! La

laboro ne estis facila (fakte, ĝi estis ege teda, ĉar tre ofte mi ripetadis la samajn bazajn aferojn), sed lernantoj estis amindaj kaj tre amikaj. Entute mi instruis en ĉirkaŭ 15 bazlernejoj kaj mezlernejoj. Dum ferioj, mi vojaĝis tra la lando kaj enamiĝis al ĝi.

JA: *Ne mirige, ke vi enamiĝis al la lando! Vi tamen forlasis ĝin, kial?*

Pro frapo de amo, en 2010 mi forlasis mian postenon en Japanio kaj transloĝiĝis al Aŭstralio por loĝi kun la aŭstralia koramiko. La decido transloĝiĝi al Aŭstralio estis tre malfacila ĉar mi kredis, ke estos tre malfacile trovi novan laboron en Aŭstralio. Bedaŭrinde, pri tio mi ja pravis. Monaton post monato, jaron post jaro mi serĉadis laborpostenon tute sensukcese. Tamen, nelonge post mia alveno al Aŭstralio mi ja sukcesis akiri volontulan postenon kiel fotisto ĉe *RSPCAQLD*, la Reĝa Societo pri Prevento de Kruelaĵo de Bestoj en Kvinslando.

JA: *Sendube interesa laboro, bonvolu iom rakonti pri ĝi!*

Ekde 2010 mi volontulas po unu tago semajne kaj dum tri jaroj mi fotas milojn da bestoj ĉiuspecaj por helpi, ke ili trovu novajn hejmojn. Ofte la bestoj estas tiuj, kiuj iele perdiĝis aŭ kies posedantoj ne plu ilin deziras. Sed ankaŭ sufiĉe ofte la bestoj estas tiuj, kiuj estis laŭleĝe forprenitaj de siaj posedantoj pro « nehumana » kruelaĵo aŭ mistraktado. Mia rolo kiel fotisto kutime estas foti la bestojn tiel, ke ili ĉiam aspektu ĉarmaj kaj amikecaj, eĉ se ili estas timigaj, eĉ se mankas al ili okulo, ktp ktp. Belaj fotoj estas tre grava parto de adopto, ĉar belaj fotoj instigas la homojn veni al la besto-ŝirmejo por renkonti (kaj eble adopti) la bestojn.

Tamen, ne ĉiam la celo de la fotoj estas beleco. Foje mi devas foti ankaŭ bestojn en tre malbona stato por dokumenti la kruelaĵon, kiujn ili trasuferis aŭ trasuferas. Tiam la laboro povas esti tre kor-frapa, sed ankoraŭ tre valora ĉar je la fino la rezulto preskaŭ ĉiam estas bonega. Kiel ĉiam kiam oni laboras kun bestoj, necesas multege da pacienco kaj dediĉo. Kompreneble bestoj ne zorgas, ke vi ne povas foti kaj karesi ilin samtempe kaj ne povas kompreni vin kiam vi klopodas klarigi, ke ili restu senmovaj. Plue, la besto-ŝirmejo mem ne vere estas taŭga loko por fotado. Krom fotado, fojfoje mi faras ankaŭ filmetojn por reklami bestojn perVitubo (*YouTube)* kaj fotas eventojn.

JA: *Vi certe havas multajn travivaĵojn pri tiu periodo! Kaj kiuj estas viaj pliaj celoj?*



Post preskaŭ tri jaroj kiel volontula fotisto, mi nun deziras fariĝi profesia fotisto. Estos tre longa kaj malfacila vojo, sed la sperto de ĉi tiu volontula laboro sendube helpos al mi atingi mian revon. Tial mi certe daŭrigos mian laboron kiel volontula fotisto samtempe farante pagatan laboron kaj ŝparante monon por studi profesian fotografarton.

JA:

*Kara Noktema, dankon por via rakonto, kaj mi deziras sukcesojn al viaj celoj! Vi havas belajn fotojn, permesu, ke mi aldonu kelkajn al nia intervjuo!*

(vidu nian dorsan kovrilon)

**Vortklarigoj :**

*Profesio:* pagata, bona okupo.
*Enuiĝi:* ne trovi ion interesan.
*Gimnazio:* mezgrada lernejo diversmaniere organizita laŭ la landoj.
*Universitato:* supera instruejo dividita laŭ fakoj (fakultatoj).
*Diplomiĝi:* akiri oficialan dokumenton pri lernitaj konoj en supera instruejo.
*Aventuro:* neatendita kaj riska neordinara okazaĵo.
*Teda:* malagrable impresita per troa daŭro aŭ ripetiĝo.
*Preventi:* anticipe malhelpi
*Kruela:* io, estante suferiga, turmenta, doloriga, malĝojiga, aflikta.
*Trakti:* agi, konduti iamaniere kontraŭ iu aŭ io.
*Rolo:* agado, funkcio de iu aŭ io, konsiderata en siaj efikoj.
*Ĉarma:* delikate plaĉa kaj loga pro sia agrableco.
*Adopti:* alpreni, per oficiala laŭleĝa akto infaneton aŭ beston.
*Instigi:* per ekscitoj kaj admonoj kaŭzi ian agon.
*Dokumenti:* pruvi per skribaĵoj aŭ signifaj objektoj, kiuj atestas ion.
*Karesi:* delikate kaj ame tuŝeti.
*Evento:* difinita, sufiĉe grava okazaĵo
*Periodo:* tempa daŭro inter du difinitaj fazoj de fenomeno aŭ de evoluado.
*Revo:* imago de feliĉigaj, dezirataj aferoj.
*Intervjuo:* interparolo kun persono pri ties vivo, agoj aŭ opinioj (vidu la bildon de intervjuisto)



# Rakontu pri via profesio!

**Proponata ubriko de Judit Felszeghy**

***La antaŭa intervjuo temas pri profesio kaj laboro. Ne estas facile trovi laborpostenon nuntempe, eĉ pli malfacile, se oni havas dezirojn – la laboro estu ŝatata, estu interesa, kaj eĉ bone pagata. Ne estas facile decidi, kiun profesion ni elektu... Tial mi pensis, eble interesos vin legi pri profesioj... Se vi trovas vian, laboron aŭ/kaj profesion interesa, skribu al ni!***

---




## EN IG MO

*HORIZONTALE →*

2. *Periodo de sep tagoj.*
7. *Malplezuriga.*
8. *Membro (R)*
9. *Direkto mala al sudo.*
10. *Bongusta suko-plena ruĝa frukto, kiun oni kutime opinias legomo.*
12. *Kares-nomo por periodo de sesdek minutoj.*
13. *Elstara parto de vizaĝo, per kiu oni sentas aromojn.*

*VERTIKALE ↓*

1. *Oranĝkolora legomo.*
2. *Belsona, kiel sono, kiu venas de preĝeja turo.*
3. *La malo de en.*
4. *Periodo en kiu la luno rondiras la teron.*
5. *Periodo en kiu la tero rondiras la sunon.*
6. *Valora metalo.*
7. *Registron de tempo-punkto : 'Notu tiun _____ en viaj tag-libroj.'*
11. *Centro (R)*

(R) = uzu nur la radikon, sen la finaĵo



# LEGU kaj ĜUU

LEGU LIBROJN – PREMIOJ – KONKURSOJ

Rubrikestro: Małgosia Komarnicka
ul.Kilińskiego 14/3, PL-59-300 Lubin,
Pollando
malgosia.junaamiko@gmail.com



## AŬD-LIBRO

Nuntempe, aĉetante presitan libron ni ofte povas aĉeti ankaŭ la saman, sed en formo de 'parola libro', kiu nomiĝas aŭdlibro. La libro estas legata de profesia lektoro kaj registrita forme de MP3 aŭ MP4. Tio estas perfekta solvo por ĉiuj, kiuj volus legi, sed pro multaj kialoj ili ne havas tiun eblecon. Aŭd-libroj estis kreitaj por helpi al blinduloj kaj al homoj, kiuj havas aliajn problemojn kun legado. Nune la aŭdilibrojn volonte uzas ankaŭ personoj, kiuj multe laboras. Ili ne havas tempon por ripozi, nek por legi librojn. La aŭdlibron oni povas aŭskulti en libera loko kaj en libera tempo, tage kaj nokte, ekz. dum kuirado, dom-ordigado, dum veturado (kiel pasaĝero de automobilo) aŭ dum sportado.

Dank'al aŭd-libroj la legado fariĝis populara, simpla, komforta kaj ĝenerale atingebla. Facile uzebla aŭdlibro allogas homojn ĉefe pro legad-komforto, tempo-gajno, malgranda volumeno aŭ pro komuna aŭskultado.

Ankaŭ gazetojn oni jam povas ricevi en aŭd-formo. Dank' al profesia verkisto ni povas ekkoni la plej novajn okazintaĵojn publikigitajn en la gazeto sen neceso legi ĝian paperan version.

La aŭdlibro estas eltrovo, kiu plifaciligas nian vivon. Ĝi posedas avantaĝojn kaj malavantaĝojn. Ni tamen memoru, ke la aŭdlibroj ne anstataŭos paperajn librojn, ĉar nur la papera libro kreas esceptan etoson kaj sentemon al la beleco de vortoj.



## KLUBO de BONA LIBRO

La Biblioteko de *Juna Amiko* por junuloj kaj infanoj kreskas dank' al viaj proponoj. Bonvolu sendi viajn proponojn de libroj, kiuj montras pozitivajn valorojn (ekz. toleremon, amikecon, apogon al malpli fortaj homoj), helpas kompreni vin mem kaj aliajn kaj ebligas adaptiĝi al nia iom malgaja realeco. La proponojn kun titolo, aŭtoro kaj mallonga rekomendo, sendu al la supra adreso aldonante la noton: Biblioteko de Juna Amiko.

## Rekomendo:

Por la *Biblioteko de Juna Amiko* **Ursula** kaj **Giuseppe Grattapaglia** (veteranaj esperantistoj, membroj de la estraro de la brazila bienolernejo Bona Espero) rekomendas la libron *Bona Espero: Idealo kaj Realo* de Roman Dobrzyński.




Tiu libro ne nur donas detalan historion de la socia laboro de esperantistoj el multaj diversaj landoj kaj kulturoj favore al infanoj en evoluantaj landoj, sed samtempe pritraktas nekonatajn aspektojn de la brazila vivo. La verko ricevis pozitivajn recenzojn en nia movado kaj sendube meritas pluan disvastigon kaj rekomendon al gejunuloj por stimuli volontulan laboron.

**Bona Espero** ne estas nur infanzorgejo sur grandega areo de mil hektaroj sed okupiĝas pri medi-protektado kaj organika produktado de nutraĵoj, krom esti centro por Kulturo de Paco tra Esperanto en la plej diversaj aspektoj de la homa socio. Ursula kaj Giuseppe estas du el la kvinmembra estraro, kiu havas 11 konsilistojn. Ili du volontule laboras en Brazilo en la esperantista eduka institucio jam kelkdek jarojn. Dank' al ilia agado belaj ideoj de Ludoviko Zamenhof, internacia amikeco kaj solidareco antaŭeniĝas tra la mondo. Admirante ilian agadon, mi sentis la neceson demandi pri la motivoj, kiuj tiel draste ŝanĝis ilian eŭropan vivstilon al pli natura kaj simpla kaj en alia kontinento.

- Via demando ne estas rapide respondebla. Estas ne facile klarigi niajn motivojn kaj ne estas konvena publikigi en unu frazo, kio povus ŝajni tre banala. Ni ambaŭ pretervivis kiel sentemaj infanoj la lastajn batalojn de la dua mondmilito, en Berlino mi, en Torino li, kaj ekde tiam kiel preter-vivantoj tre konsciaj pri milit-perfortoj, ni revis pri maniero aktive kunlabori por Kulturo de Paco. La ideo de Esperanto, lingvo de solidareco, malfermis al ni novajn horizontojn, kaj kiam ni renkontis dum turisma vojaĝo Esperanto-parolantajn brazilajn infanojn vivantajn en malsato kaj analfabeteco, ni ambaŭ tutsimple sentis ke tie estas la loko kie ni povas doni nian guton al la granda maro de nova konscienco kiu aktive strebas al paca kaj solidara socio.

La senfina ĝojo ricevi dum tiom da jaroj esperantistajn volontulojn kiuj entuziasme kunlaboris por konstrui nian Centron, donas al ni la ŝancon transdoni al la novaj generacioj tiun brazilan verdan paradizon. Se ne estus esperanto-institucio, ni certe ne volontulus ĉi tie! Bona Espero apartenas al la tutmonda esperanto movado. En la sekva numero vi povos tralegi la intervjuon kun Ursula kaj Giuseppe Grattapaglia.

# EKKONU MIAN LANDON PERE DE ĜIA LEGENDO



**KONKURSO ne nur por junaj legantoj**

Ĉi-numere ni vizitos eŭropan landon de glacio kaj lafo, Islandon. Ĝi estas la patrujo de la Esperanto-verkisto kaj la lingva reviziantо de Juna Amiko **Baldur Ragnarsson.**

Unue konatiĝu kun kelkaj informoj pri la lando de Baldur.

Klopodu trovi la menciitajn lokojn sur la mapo, kaj poste tralegu la legendojn kaj faru konkursajn taskojn.

## Kio allogus min en ISLANDO - LA LANDO DE GLACIO KAJ LAFO?

**Islando** malsimilas al ĉiuj landoj de Eŭropo. Ĝi havas la plej grandan glaciejon kaj kelkajn malpli grandajn. Tamen ne imagu, ke la klimato estas malvarma, fakte la vintroj en Mez-Eŭropo ofte estas pli severaj. La klimaton de Islando moderigas la varma Golfa Fluo kiu ĉirkaŭas la landon. Pro la norda situo de la lando la tagoj estas mallongaj dum la vintro sed longaj dum la somero, tiam la noktoj estas tute helaj kaj en la ekstrema norda parto de la insulo la suno ne malaperas de la ĉielo. Islando estas la plej okcidenta parto de Eúropo kaj ĝia ĉefurbo **Rejkjaviko** estas la plej norda ĉefurbo de la mondo. Islando estas unu el plej maldense enloĝataj lokoj sur la tero. La plej grandan parton de la lando konsistigas **montoj**. Kelkaj el ili estas **vulkanoj**, kiuj estas ankoraŭ aktivaj.



En Islando kreskas ĉirkaŭ kvincent planto-specoj kaj betuloj formas kelkajn malgrandajn arbarojn. Malaltajn regionojn kovras herbo kaj la multajn lafejojn kovras musko.

Islandanoj devenas de **Vikingoj** kaj iuj ankoraŭ fieras pro tio. Islandanoj ne uzas familiajn nomojn. En la telefonlibroj la nomoj estas listigitaj laŭ la baptonomoj aŭ antaŭnomoj. Plej multaj antaŭnomoj havas signifon, ekzemple la antaŭnomo *Björk* signifas *betulo*. Islandanoj fieras ne nur pri siaj antaŭnomoj, sed ankaŭ pri sia lingvo. Ili dum jarcentoj tre protektis ĝin kontraŭ fremdaj influoj. La islanda lingvo estas unu el la plej malnovaj lingvoj de la Eŭropa kontinento. Ĝi ne multe ŝanĝiĝis ekde la tempo kiam oni skribis en ĝi la famajn historiojn, kiuj estas nomataj sagaoj, el kiuj kelkaj ekzistas en Esperanta traduko.

Mapo kaj blazono: http://eo.wikipedia.org/wiki/Islando

Fundamento de islanda kuirarto estas ŝafa viando kaj fiŝoj, malhela pano kaj ***skyr***, speciala lakta produkto, iom simila al fromaĝo.

Vizitante Islandon nepre oni devas ekvidi **Reykjavik** - la ĉefurbon; **Bluan Lagunon** - varman lagon kun kuracefika akvo; akvofalojn - **Detifoss**, **Gullfoss**; gejserojn - **Geysir**, **Strokkur**; lagojn - **Jökulsárlón** kun naĝantaj glaciaj montoj sur ĝi kaj **Mývatn** kun vulkana ĉirkaŭaĵo; vulkanon, kiu troviĝas sub glaciejo **Snæfellsjökull** (ĝi estas konata dank' al la libro de Jules Verne *Vojaĝo al la interno de la tero*).




Islando estas memstara respubliko ekde 1944. Antaŭe ĝi estis regata de la danoj. Ĝi neniam havis armeon kaj estas pacama popolo. Kaj islandanoj malgraŭ tio, ke ili vivas en malfacilaj kondiĉoj estas naskitaj kiel optimistoj.

En Islando okazis du **Universalaj Kongresoj de Esperanto**, en julio 1977 kaj ĵus en julio 2013

## LEGENDOJ kaj POPOLRAKONTOJ



Islandaj legendoj kaj popolrakontoj estas senfinaj, kio grandparte klarigeblas per la islanda naturo: vastaj senhomaj terenoj, abundo da montoj, oceano ĉirkaŭanta la landon, longaj mallumaj vintroj. Ili estas ĝenerale grupigitaj laŭ temo: rakontoj pri feoj, troloj (vidu la desegnaĵon), fantomoj, sorĉistoj, misteraj estaĵoj en lagoj kaj maro, ktp.

Legendoj tamen ofte estas pura frukto de fantazio, kiel la sekvanta rakonto pri la deveno de naturaj fenomenoj en norda Islando:

## Kiel estiĝis la insulo *Drangey*

En antaŭaj tagoj loĝis sur la duoninsulo *Hegranes* du nokto-troloj, viro kaj virino. Ili posedis bovinon. Iufoje la bovino bezonis virbovon. Ili do ekkondukis la bovinon por renkonti bovon trans la fjordo *Skagafjordo*. La vir-trolo trenis ĝin per la brido, kaj la trol-virino ĝin pelis. Ili kondukis la bovinon norden laŭ la duon-insulo kaj poste en la fjordon por ĝin transiri. Kiam ili atingis la mezon de la fjordo, la suno aperis en intermontejo oriente de la fjordo. Ĉar ekvidi la taglumon kaŭzas tujan morton al la nokto-troloj, ili tuj transformiĝis al ŝton-rokoj en la fjordo; la pli granda norde de Drangey estas la virtrolo, sed la malpli granda, sude de Drangey, estas la trolino. Sed la bovino mem ŝtoniĝis por formi la insulon mem de Drangey.

Laŭ malnova kutimo tiuj irantaj por la unua fojo al Drangey salutas ĝin kaj la



du aliajn rokojn, nomitajn *Karl* kaj *Kerling* per la jena formulo: "Saluton kaj feliĉon al mia Drangey kaj saluton kaj feliĉon al Karl kaj Kerling."

Kvankam kredeble oni faras tion pli amuze ol serioze, oni opinias tion inda daŭrigi tiun malnovan tradicion.

***Klarigoj de nomoj**: Drangey, drang(ur),* alta kaj granda roko, *ey,* insulo. *Hegranes,* duoninsulo kiu entendiĝas en la fjordon *Skagafjordo* en norda Islando. *Karl,* maljuna viro, *Kerling,* maljuna virnino.

La sekva rakonto estas sufiĉe nova kaj atestas, ke la kredo pri feoj freŝe vivas ĉe multaj islandanoj. La sekvan travivaĵon rakontas viro en sia matura aĝo.

## La feinfanoj en Beingardur

Tuj kiam mi lernis piediri, mi estis metita en prizorgon de geedzoj, kiuj nomiĝis Hannes kaj Snjolaug, kiuj loĝis en Beingardur en Hegranes-duoninsulo. La pejzaĝo tie abundas de grandaj ŝtonoj kaj rokaj amasoj kun interkuŝantaj marĉejoj. Estis la opinio de homoj, ke feoj loĝas en tiuj rokoj. Unu granda roko situis en la hejmkampo de Beingardur. Ĝi estis tre stranga, estis kvazaŭ dompordo en la roko en unu loko, kiu rigardis al la farmbieno. Homoj miris pri tio, ke kiam mi kuris ekstere, mi kutimis halti antaŭ la rokpordo kaj ne foriris de tie, krom se iu venis por konduki min hejmen. Tiam mi diris: "Kial mi ne povas esti ĉi tie kun la infanoj, kiuj estas tiel bonaj al mi kaj havas tiom de belaj ludiloj, sed mi havas tiel malgrandajn kaj malbelajn ludilojn."

Neniu vidis ion tie krom mia nutro-patrino, ĉar ŝi havis duan vidsenson. Ŝi vidis knabon kaj knabinon kun mi. Ŝi ofte venis tien por konduki min hejmen, sed mi reiris tien ĉiam, kiam mi povis. Mi tion tre bone memoras. Iliaj ludiloj estis eksterordinaraj, sed mi ne povas ilin priskribi. La knabo kaj knabino kun kiuj mi renkontiĝis estis tre bonaj al mi, sed ili parolis malmulte. Iam ili demandis min: "Ĉu vi volas eniri kaj vidi nian domon, ĉar panjo ne estas hejme?" Mi diris, ke mi volas tion. Tiam ili malfermis pordon tie kaj eniris. Mi trovis belan ĉion interne. La ĉambro estis tute panelita kaj ĉio tiel pura kaj blanka, kaj muroj kaj planko. Tie estis du litoj, laŭ mia memoro, en unu fino de la ĉambro, kun pretigitaj litaĵoj, kaj en la alia fino tablo kaj ŝranko kun tasoj kaj teleroj, ĉio multe pli bela ol mi antaŭe konis, ĉar la ĉambro hejme ne estis panelita kaj la planko el nuda tero. Ili proponis nenion manĝeblan al mi. Poste ili eliris kaj mi kun ili kaj ili fermis la pordon. Mi diris ĉion al mia nutro-patrino, sed ŝi diris, ke mi ne parolu pri tio, kaj mi ne faris tion. Tiel pasis la tempo en Beingardur. Mi estis ĉe la rokpordo, kiam mi povis, kaj ĉiam ripetis miajn vizitojn tie, malgraŭ malpermesoj.

***Klarigo de nomo:*** *Beingardur - nomo de farmbieno*

La konkursa tasko estas la jena: Priskribu per bildoj la islandajn legendojn. La konkursan taskon bonvolu sendi kun viaj nomo, adreso kaj indiko 'Konkurso – legendo' ĝis la fino de 2013 al la adreso, kiun vi vidis komence de la rubriko.

### *Vortklarigoj en alfabeta ordo*

*Betulo*: arbo kiu kreskas en malriĉaj grundoj kaj en malvarma klimato **o** *Escepta* : (ne-ordinara) *Feinfanoj*: infanoj de feo kaj feino **o** *Fenomeno*: fakto aŭ okazaĵo sense aŭ mense observata *Fjordo*: krut-dekliva ravino kie la maro enfluis **o** *generacio*: simil-aĝa simil-sperta hom-grupo *Lafo*: flua varmega materialo, kiu elflugas el vulkanoj **o** *Matura aĝo*: rilatas al persono kiu jam ne estas infano **o** *Nutraĵoj*: manĝaĵoj **o** *Recenzo*: raporto pri libro **o** *Trolo*: mita estulo kiel feoj, elfoj: ili povas esti grandaj aŭ malgrandaj **o** *Vidsenson*: kapablo per kiu homo aŭ besto ricevas informojn tra la okuloj **o** *Volumeno*: amplekso, spaco-kvanto

## PROVERBOJ

Finante la rubrikon mi enmetas kelkajn proverbojn **pri maro** el la *Esperanta proverbaro* de L. L. Zamenhof. Proverboj estas mallongaj kaj facilaj frazoj dank' al kiuj oni pli bone esprimas iajn ideojn, avertojn, admonojn aŭ instrukciojn. Ili estas gravaj en ĉiu lingvo kaj tial por perfektigi konon de Esperanto necese estas ankaŭ lerni proverbojn.

*Laŭdu belecon de l'maro, sed ĉe rando de arbaro.*
*Laŭdu la maron, sed restu sur tero.*
*Malaperis kiel ŝtono en maro.*
*Maro da mizeroj.*
*Maro ĉiujn riverojn ricevas kaj tamen ne krevas.*
*Oni maron admiras, se oni maron ne iras.*
*Ne maro droniĝas ŝipon, sed la ventoj.*
*Se gut' al guto aliĝas, maro fariĝas.*
*Sen gutoj malgrandaj maro ne ekzistus.*



# Novjaraj kartoj por kaj de la rifuĝintoj

Japanoj havas kutimon sendi novjarajn kartojn al siaj amikoj kaj konatoj. Mi tradukis kartojn aperintajn en la ĵurnalo *Asahi* jam la 26an de dec embro, 2012.




**❶ S-ro Kobajaŝi Ken, 32-jara**, loĝanta en la urbo Ĉigasaki en la gubernio Kanagaila helpas rifuĝintojn en la urbo Iŝinomaki en la gubernio Mijagi jam ekde la marto 2011. Li skribas en la karto: "Feliĉan Novjaron! Ankaŭ en la lasta jaro naskiĝis varmaj homaj ligoj. Ĝis ridoj kaj trankvilo reaperos en Toohoku, ni daŭre klopodu".

* La eina ideogramo en la karto signifas 'Daŭro', kaj vidiĝas serpento dekstre sube en la ideogramo, la jara besto de 2013.

❷ **F-ino Konno Nana, 10-jara,** kiu, rifuĝinte el la urbo Namie, najbara urbo de la Nuklea Centralo n-ro 1 de Fukuŝima, nun vizitas lernejon en la urbo Nihonmacu en la gubernio Fukuŝima. Ŝi skribis al sia kara amikino en sia eksa urbo: "Denove ni marŝu mano en mano".




Ĉiam ŝi ludis kun tiu amikino, sed nun ŝi ne scias, kie ŝi loĝas. "Kiam mi ludis, ĉiam ni estis mano en mano, tial kiam mi renkontos ŝin, mi volas esti same."




❸ **S-ro Endoo Juukoo, 57-jara,** vilaĝestro de la urbo Kailauĉi, najbara urbo de la Nuklea Centralo n-ro 1 de Fukuŝima, skribis sian deziron: "Revivu la urbo Kailauĉi!"

Li deklaris "Revenon al la urbo" en la lasta januaro, sed malpli ol duono de la vilaĝanoj revenis. Li kutimas skribi sian celon por la jaro en novjara karto. "Tiom forte ni revos, tiom multe nia revo realiĝos. Mi revas nur esperplenan estontecon".

❹ **S-ro Ŭagoo Rjooiĉi, 44-jara poeto** loĝanta en la urbo Fukuŝima, skribis: "En la nova printempo niaj paŝoj faros vojeton". "Ni bezonos longan tempon, sed venkinte malfacilon, ni volas konstrui vojon por ke homoj el la mondo vizitu Fukuŝimon"




語

*Gubernio*: provinco.
*Toohoku*:: la regiono kie troviĝas Fukuŝima.
*Cedi:* rezigni.
*Cunamo:* tajda ondego kaŭzita de tertremo.
*Sakeo:* japana riz-vino.

❺ **S-ino Abe Jooko, 66-jara,** loĝanta en provizora domo en la urbo Sooma en la gubernio Fukuŝima skribis al la helpanto en la urbo Komoro en la gubernio Nagano: „Feliĉan novjaron. Venis esperplena printempo. Mi trovis domon en la altejo”. (vidu la maldekstran bildon sube).

Ŝi perdis sian 39-jaran filon laborantan kiel fajro-brigadano. Rememorante lin, ŝi ofte larmas. Ŝi povis translokiĝi al altejo du kilometrojn for de sia eksa loĝejo.







❻ **F-ino Miura Naoko, 20-jara studento**, kiu lernas desegnadon, skribis al la loĝantoj de la urbo Oocuĉi en la gubernio Iilate: „Viaj ridetoj donas al mi kuraĝon. Mi amas la urbon Oocuĉi“. (vidu supre dekstre)
Mevo en la karto estas la urba birdo kaj rododendro en la hararo estas la urba floro. En la maro flosas kvarpetala trifolio, esperante feliĉon al la urbo. En la urbo nove konstruiĝos hotelo en junio, por kiu ŝi laboros. liaj gepatroj kontraŭis ŝin pro tio, ke la hotelo estos proksime de la maro, sed ŝi ne cedis.

❼ Tri gefiloj de **s-ro Suilki Takaaki, 46-jara**, kiuj loĝas en provizora domo en la urbo Onagaila en la gubernio Mijagi, kunlabore faris unu karton. Juzuha, 4-jara filino, ŝiris kolorajn paperojn en pecojn, Nao, 11-

jara filino, desegnis tulipojn, violetojn kaj leontodojn, gluante la paperpecojn, kaj Tomohiro, 11-jara filo, skribis „Ankaŭ en tiu ĉi jaro ĉiuj estu sanaj!“ Ili sendos la karton al sia onklino en la urbo Sendai, kiu prizorgas ilin, kiam ilia patro iras fiŝkapti en la maro. De la hejma altaro vidas ilin fotoj de ilia patro kaj geavoj.






❽ **S-ro Haga Kijonari, 85-jara**, desegnis al sia konato en la gubernio Mijazaki fiŝo-ŝipon ekveturante de la fiŝhaveno Kesennuma en la gubernio Mijagi. Li perdis sian filinon en la cunamo, kaj tiu karto estas la unua post la cunamo. Li ne trinkis sakeon post la katastrofo, sed en la lasta aŭtuno li trinkis kun tiu konato kaj liaj kolegoj.




❾ **Haruto, 4-jara,** skribis al sia pajno en la ĉielo. Li skribis “Mi fartas bone. Haruto”, helpate de sia avino Hiroko. Kvar tagojn post la cunamo li renkontis sian patrinon 25-jaran en la kadavrejo. Tiun vesperon li demandis de Hiroko, ĉu ŝi resaniĝos. Lastatempe li ofte diras: “Mi flugos per aeroplano al la ĉielo kaj akompanos ŝin al la hejmo”. Hiroko jam foje diris al li, ke la patrino mortis, kaj li nun ne ofte mencias la patrinon, sed li volas renkonti ŝin. Certe lia volo atingis la patrinon.

# KVIZO-LUDO

**Prizorganto de la rubriko: *Dieter Berndt,* Germanio**

Karaj Kvizemuloj!

Denove mi prezentas al vi kelkajn tasketojn. Denove vi havas eblecon okupiĝi pri nia lingvo. Mi deziras al vi plezuron dum la respondado kaj ankaŭ multajn sukcesojn. Viajn respondojn sendu al: Dieter Berndt, Berolinastr. 2, DE-10178 Berlin, Germanio aŭ rete al esperanto-berndt@web.de. Se vi havas demandojn, turnu vin al mi!

*Dieter Berndt*

## N-ro 2013/1 (Limdato: la fino de 2013)

| | |
|---|---|
| 1 | Nomu kvin objektojn, kiujn vi nepre volas havi en viaj ferioj - kaj kial. |
| 2 | Korektu la frazojn:<br>- La knabino, kiu vi rakontis estas mia fratino.<br>- Mi vojaĝis kun trajno per mia amiko.<br>- Granda kaj malgranda pomo estas sur la tablon. |
| 3 | Skribu frazojn en kiuj ĉiam estas unu el la jenaj tabel-vortoj:<br>kia - iel - ĉiu - tial. |
| 4 | Kio estas malĝusta en la frazo kaj kial:<br>La bakisto bakis cent pomojn po tage. |
| 5 | Decidu ĉu estas pli bone uzi "veni" kaj "iri".<br>- Hodiaŭ mi ne povas ... al vi.<br>- Mi ... sur larĝa vojo.<br>- Mi ... kun mia frato al mia onklo.<br>- Malamiko ... en nian landon. |
| 6 | Priskribu la flagon de via lando. |
| 7 | Kiu besto : kvakas, siblas, zumas, mekas, trumpetas. |
| 8 | Ŝerca demando. Kiu birdo esprimas faron de la plej alta katoliko? |
| 9 | En ĉiu frazo estas kaŝita nomo de arbo.<br>- Dek verkoj de la aŭtoro estas konataj.<br>- Mi ricevis donace romanon en Esperanto.<br>- Halti li ordonis al ĉiuj.<br>- Ŝi devis tajpi nomojn de la klubanoj. |
| 10 | Al la du komencaj literoj aldonu po tri ĉiam la samjn literojn:<br>ta- ; ma- ; fa- ; ri- ; mu- . kaj to- ; ma- ; ao- ; vo- ; fo- ; fli- . |

## Rezultoj de la kvizo 2012/2

1) Jindřiška Drahotová CZ 19 poentoj
2) Blanka Hužerová kaj Monika Picková ambaŭ CZ po 18 poentoj.

# Cirko-klubo



Ĉu en via urbo troveblas cirko-klubo por geknaboj? En Finnlando troviĝas cirko-klubo en almenaŭ kvardek unu urboj. Antaŭ kelkaj jaroj mia nevino Liza membriĝis en la klubo de sia hejmurbo. Ŝi tie amikiĝis kun Karlo, kiu estas filo de enmigrinta familio. En la cirko-klubo ne gravas la koloro de la haŭto, la denaska lingvo, la aĝo aŭ ĉu oni estas knabo aŭ knabino. Ĉiuj lernas kaj amuziĝas kune. Nun Liza jam scias fari multajn akrobataĵojn. Ŝi rapide transkapiĝas sur planko, saltas sur siaj manoj, kuraĝas svingi de tola ŝnuro super la areno, grimpi sur trapezon. Karlo jen klaŭnas jen serioze koncentriĝas por sukcesi ĵongli aŭ iri kun ekvilibra stango sur streĉita ŝnuro. La instruistoj de la klubo ĉiam zorgas, ke neniu faras tro danĝerajn akrobataĵojn. Se iu falas aŭ stumblas, la aliaj helpas lin aŭ ŝin. Oni multe ridas, fotadas kaj lernas unuj de la aliaj. En la cirko-klubo oni ne rajtas membrigi bestojn kaj instrui artaĵojn al ĉevaloj, hundoj, kunikloj aŭ aliaj animaloj. El la ilarejo la klubanoj rajtas preni hula-ringojn, pilkojn, stilzojn, keglojn kaj aliajn aĵojn por trejni sin. Estas amuze trejni sin sur saltista baskulo aŭ fari hom-piramidon kun aliaj klubanoj. Unu du fojojn jare ili prezentas al siaj gepatroj, parencoj kaj amikoj, kion ili lernis. Por la prezento ili elektas taŭgajn muzikojn, vestas sin per ĉarmaj belkoloraj cirko-vestoj. La parencaro kaj amikaro aĉetas ne multekostajn biletojn por rajti vidi kion la infanoj kaj gejunuloj lernis. Kaj la publiko kaj la klubanoj gaje fieras pri la spektaklo.



Ĉu vi iam vizitis cirkon? Kion vi vidis tie? Kio plej plaĉis al vi? Ĉu vi timas grimpi alten? Kiajn gimnastikaĵojn vi timas? Ĉu vi preferas moviĝi aŭ legi aŭ ludi per komputilo? Kial estas bone kuraĝi provi fari ion, kio timigas?

Saliko

La fotoj: Saliko (la afiŝo de Caliba-cirko kun la kapo de klaŭno) kaj kompleze de O.Voutilainen.

*Trapezo:* alta svingilo
*Stilzoj:* plus-kruroj por altigi sin
*Kegloj:* klabo-forma ĵetaĵo.
*Baskulo:* balancilo.

**Kuba legendo:**

# La strigo kaj la simio

En la tempo, pri kiu tiu ĉi legendo parolas, la strigo povis vidi tage kaj nokte, kaj la simio povis paroli lerte, akompanante siajn vortojn per belaj gestoj. Ili ambaŭ ĝuis plenan reciprokan amikecon. Tiam la strigo havis la famon esti inteligenta kaj lojala al la Tago. Pro tiu virto, la Tago faris al la strigo multajn donacetojn, kaj la strigo, kun la paso de la tempo, ekestis ĝia plej intima amiko.

Iun fojon, la Tago petis la strigon, ke ĝi helpu ĝin senigi la Lunon de ties ĉefaj trajtoj, devigante la Lunon esti la servistino de la Tago.

Indas rakonti, ke la Tago havis la amikecon de ĉiuj astroj en la ĉielo, sed ne tiun de la Luno, ĉar la Luno ne estis solulo, sed aroganta kaj malmodesta.


Strigo kiu fine fariĝis saĝa

La Tago petis la strigon sendi mesaĝon al la Luno por inviti ĝin al ceremonia festo. Por atingi sian celon, la Tago uzis inkon el sekreta kaj mistera povo, kapabla blindigi la Lunon, kiam tiu legos la mesaĝon. Por fari la inviton, la strigo kovris sian vizaĝon per vualo, kiu protektis ĝin kontraŭ la sorĉo.

Fininte la mesaĝon, la strigo flugis renkonte al la Luno. Tra la longa vojaĝo, ĝi renkontis sian karan amikon, la simion. Al tiu la strigo rakontis la celojn de la Tago. Sed ili ne rimarkis, ke la malhela vulturo sidis kaŝe sur proksima branĉo. Sen perdi minuton, la vulturo flugis al la Luno kaj rakontis al ĝi pri tio, kion rakontis la strigo al la simio.

La Luno, sciante nun pri ĉio, antaŭzorgis por havigi al si kontraŭ-sorĉon. Ĝi lanĉis sian povon al la spaco, kiu tute mallumiĝis, komencante per tio la unuan eklipson sur la Tero. La Tago, kiu atentis ĉiun movon de la malmodesta Luno, rimarkis la malprudenton kaj frivolecon de ŝiaj

servistoj kaj aliancitoj. Ĝi ordonis al ili, ke ili venu prezenti sin antaŭ ĝi. La strigo kaj la simio prezentis sin do antaŭ la Tago. Tiu, post admoni ilian konduton, devigis la strigon legi la mesaĝon por la Luno. Kaj tiel la strigo, sen sia vualo, legis la mesaĝon kaj perdis sian vid-kapablon dum la Tago. Tiel la strigo estis punita pro sia babilemo. La simio, vidante la sorton de sia amiko strigo, terure kriegis. La Tago punis ankaŭ lin devigante ĝin trinki likvaĵon kiu mutigis ĝin por ĉiam.

Tiel, la simio nuntempe ne estas babilema, kaj la strigo, kiu ne povas vidi dumtage, tiris la instruon el sia misaventuro, kaj fariĝis saĝulo.

*Elhispanigita de Jozefo de Jesús Campos Pacheco*



simio



aroganta luno



vulturo

**Solvoj por la matematikaj demandoj sur paĝoj 24 kaj 25**

(**la unua tasko**) 12/25 de la jaro, aŭ malpli ol ses monatoj.

(**la dua tasko**) Kompreneble, la unua turisto jam manĝis sian porcion. La tria postlasis 8 flanojn, do po 4 por la ceteruloj. Do li trovis 8+4 =12 flanojn. Samrezone la dua manĝis 6 flanojn kaj trovis 18 flanojn. Dum la unua manĝis 9 flanojn kaj trovis 27 flanojn.. Do, al la dua apartenas 3 kaj al la tria 5 flanoj.

(**la tria tasko**) La serĉata nombro plus 1 devas dividiĝi samtempe per 2, 3, 4, 5, 6, 7, 8, 9 kaj 10. Do, ĝi devas dividiĝi per la ties malplej granda komuna multoblo kiu estas 8 x 9 x 5 x 7 = 2520. (8 kovras 2 kaj 4; 9 kovras 3, 5 kovras 10). Do, N+1 devas esti multoblo de 2520. Sekve N +1 = k x 2520. Ĉar estas skribite, ke la nombro devas esti malpli ol 5000, tio plenumiĝas nur per k=1. De ĉi tie ni povas skribi N= 2520-1= 2519. Pruvo:: 2519+1 dividiĝas per 2,3,4,5,6,7,8,9 kaj 10.

NIA KULTURA HEREDAĴO

*En tiu ĉi rubriko vi trovas bildojn el la Esperanta literatura heredaĵo dank' al la plumo de nia fidela amiko, el-stara islanda poeto, Baldur* RAGNARSSON. *Sen bazaj scioj pri nia historio kaj literaturo oni ne povas fariĝi plenformita, celkonscia esperantisto.*

## 35 *Miĥael Giŝpling*

BILDOJ EL LA HISTORIO

En 2008 la poem-ciklo *Rekviemo* de Miĥael Giŝpling rivevis la unuan premion ĉe Belartaj Konkursoj de Universala Esperanto-Asocio. Ĝi estis la kvina premio, kiun li gajnis ĉe tiuj Konkursoj ekde la jaro 2000. Estas rimarkinde, ke la poeto jam tiam estis en siaj okdekaj jaroj.

Miĥael Giŝpling naskiĝis en 1924 en Irkutsk, el juda deveno. Li loĝis en Ruslando ĝis 1998, kiam li transloĝiĝis al Israelo. Profesie li laboris kiel .inĝeniero-kemiisto. Li ekstudis Esperanton en Moskvo en 1943 kaj estis aktiva membro de la moskva Esperanto-klubo *Fajrero*, kiam renaskiĝis la Esperanto-movado en Sovetio en la 1950-aj jaroj. Sed iam en la 1960-aj jaroj li forlasis la movadon kaj sekve malmulton rilatis kun la esperantistoj. Post tiu periodo li komencis aktivi kiel poeto en la lingvo, unue per esperantigo de ruslingvaj poemoj, sed baldaŭ poste originale kiel serioza poeto en Esperanto. Liaj poemoj komencis aperi en Esperanto-revuoj kaj en 1994 Flandra Esperanto-Ligo eldonis lian unuan poemaron, *El sisma koro*. En ĝi aperis jam matura, vivo-sperta poeto, kiu verkis pens-provoke pri vivo en la post-sovetia medio. En la longa poemo *La Infero* li priskribas la vivon de la Rusoj:

*Tamen la mondfama Dante*
*Estis sola ekskursano*
*En la regno de Satano*
*Kie loĝas mi konstante.*

La libro vekis atenton, inter alie pro ĝiaj klasikaj normoj de rimoj kaj ritmo, okaze tamen kun frapanta freŝeco. Post lia transloĝiĝo al Israelo, al Jerusalemo, sekvis pliaj poemaroj: *Eola harpo*, 1999, *Tie ĉi tie*, 2003 kaj *Vespere*, 2008. En 2007 aperis ankaŭ kelkaj poemoj liaj en *Moskvaj sonoriloj*, antologio de verkoj de moskvaj esperanto-poetoj. En preparo estas elektoj el ĉiuj poemaroj sub la titolo *Ĉeneroj*.

# LITERATURO DE LA ESPERANTA

La poemoj de Miĥael Giŝpling havas tiun aŭtentan karakteron, kiu meritas fidon kaj atenton de legantoj. Liaj versoj estas rimitaj kvazaŭ nenio estas pli natura, tiel li sekvas tradicion, kiu ne devas elvoki miron, sed postulas agnoskon de la poeta celo, kiu ĉiam estas proksima, palpebla, moderna. Li ne klopodas rompiĝi el la tradicioj kaj konvencioj per eksperimentaj formoj kaj stiloj, li ne estas modernisma poeto. Sed li estas moderna en la senco, ke lia poezio rilatas al tio, kio estas okazanta, ĉu en eksteraj cirkonstancoj, ĉu en aktualaj personaj sentoj kaj pensoj. Sian modernecon li atingas per aŭtentika simpleco, fortaj rimoj kaj vorta muziko.

Poetoj havas la rajton elekti sian rimedojn, ĉu temajn kaj formajn, por konservi la intiman rilaton inter sia animo kaj sia persona esprimado. Aŭ kiel diras Giŝpling:

> "*Mi devas diri puran veron*
> *sed lingvon, stilon, manieron*
> *elektu ĉiu al si mem.*"

Giŝpling faras precize tion: li esprimas sian modernecon per rimedoj delonge pruvitaj taŭgaj en la manoj de serioza poeto, "*se ĝin disponas lerta man*'," kiel li ankaŭ diras. En sian poezion Giŝpling kolektis siajn spertojn el kiuj li ellaboris memorindajn bildojn respegulantajn observojn, sentojn kaj pensojn, kiuj okupis lin daŭre aŭ sporade dum lia longa vivo. Lia persona ĉeesto estas ĉiam evidenta: "La koro volas memesprimon," li diras. Tiu memesprimo tamen lasas foje la poeton malkontenta, sed tiam instigas lin al ĉiam novaj provoj.



En poemo *Mortontaj estas ni ...* li komparas la 'Kreanton', kiu estas daŭre malkontenta pri la homo, sia kreaĵo, kun la poeto, kiu

*"plibonigante ĉiam sian kanton*
*forĵetas ĝin, la pecojn de malnet'*
*por tuj ekkrei novan varianton."*

La poeto estas la vera artisto, la vera kreanto.

**M**i menciis komence la poem-ciklon *Rekviemo*. Ĝia temo estas la morto de la edzino de la poeto. Legante tiujn poemojn oni sentas la emocian potencon de la komuniko de la poeto de sia anima doloro. Li sukcesas esprimi sian suferon, sian kor-ŝiran perdo-senton per disciplinaj vers-formoj, kiuj firme ĉirkaŭtenas la sentoplenan enhavon. Kaj tia estas la metodo de Miĥael Giŝpling: li komunikas siajn spertojn sincere, plenagorde kun siaj sentoj kaj opinioj, sen evidentaj inklinoj al modernismaj tendencoj. Jen unu el la poemoj de *Rekviemo*:

**Vortklarigoj**
en la ordo de la teksto

*Transloĝiĝis:* iris loĝi en alia loko ol ĝis nun.
*Rilatis kun:* havis kontaktojn kun
*Sisma:* tertrema
*Antologio:* poem-kolekto
*Aŭtenta:* ver-simila, nefalsa
*Agnosko:* rekono
*Palpebla:* tuŝebla, alirebla
*Konservi:* gardi, ne perdi
*Intima:* apud-kora
*Emocia:* kor-tuŝa
*Potenco:* forto
*Disciplinitaj:* firme regataj, malanarkiaj
*Komunikas:* transdonas
*Agorde:* en harmonio
*Inklino:* emo, deziro

*Ĝis la fortoj vin perfidis,*
*ĝis vi sinkis en la svenon,*
*vi el via lito vidis*
*tra l'fenestro la ĝardenon.*

*Inter branĉoj nigris nesto,*
*kaj floranta verda frondo*
*balanciĝis ĉe l'fenestro*
*allogante al la mondo.*

*Vi rigardis, kiel pompis*
*kaj alvokis la somero...*
*Ĝi nur trompis, dolĉe trompis,*
*ĉar ne restis jam espero.*

*Fluis via tempo lasta,*
*floris arboj en la korto,*
*kaj turmentis la kontrasto*
*de la vivo kaj de l'morto.*






# 2013 – INTERNACIA JARO DE KUNLABORO PRI AKVO

La inaŭguro de la Internacia Jaro de Kunlaboro pri Akvo okazis la 11an de la februaro 2013 en la sidejo de UNESCO en Parizo. La akvo delonge estas prioritata temo de la agado de UNESKO. La oficiala slogano de la ĉi-jara festo estas vortoj de hindino el Delhio: **Akvo, akvo estas ĉie nur tiam se ni dividas ĝin.** Ŝi per tiu slogano alvokas la internacian komunumon por kunlaboro favore al disvastigo de alireblo al freŝa akvo. La emblemo (www.watercooperation2013.org), kiu prezentas libere fluantan akvon tra la ciferoj de la jaro 2013 simbolas harmonian eluzon de la akvo en la mondo.



**A**kvo estas nia komuna bono. Manko kaj deficito de akvo kaj ankaŭ malplibonigado de ĝia kvalito estas unu el la plej gravaj problemoj de hodiaŭa mondo. Ekonomika kaj demografia evoluo de la mondo pligrandigas bezonon pri akvo kaj tio postulas pli bonan kaj komunan protekton de la medio, sed ankaŭ amikajn rilatojn inter civitoj. Feliĉe dum lastaj kelkdekaj da jaroj la akvo pli ofte kunigis ol disigis. Estas multaj ekzemploj, ke homoj entreprenas komunajn klopodojn por konstrui specialajn akvorezervujojn aŭ esplorojn de akvotavoloj.

**A**kvo havas grandan signifon en nia planedo kaj estas ĉieestanta. Nia korpo konsistas en 2/3 el akvo kaj tri-kvaronoj (¾) de surfaco de la Ter-globo estas akvo. Sen akvo ne ekzistus vivo en la terglobo kaj ĉar ĝiaj akvo-provizoj konstante malgrandiĝas ni devis racie eluzi ĝin. Ĉiutage uzante akvon ni pensu pri tio kaj pri sekaj regionoj de la mondo.

Provu prilabori la temon:

***Akvo kiel fonto de vivo kaj instrumento por la paco.***

La plej valorajn laboraĵojn ni enmetos en nian revuon.

Małgosia Komarnicka



# LASTE

LA ABSOLUTE SPEKTAKLA TRIA ETAĜO



Rubrikestro: Stefan MacGill

*La suba skeĉo estis inspirita de veraj eventoj. Aktoru ĝin en via grupo!*

**Adelo:** Mi ne povas trovi mian ir-telefonon.
**Beti:** Uzu mian. Voku vian de mia!
**Adelo:** Bone, donu vian ir-telefonon.
**Beti:** Ho, ĝi ne estas en mia sako. Kie ĝi estas?
**Celina:** Uzu mian. Voku vian de mia!
**Davido:** Momenton! Certe vi ne povos trovi vian ir-telefonon.
**Celina:** Fakte. Ĝi ne estas en mia poŝo.
**Davido:** Mi havas fiksitan telefonon.
**Adelo:** Fiksitan telefonon?
**Beti kaj Celine:** Kio estas tio!?
**Davido:** Telefono, kiu ne estas portebla. Ne povas kuniri.
**Adelo:** Neportebla telefono!!? Por kio tio utilas?
**Davido:** Por trovi viajn ir-telefonojn!

*Fiksita telefono (sekve, trovebla). Vi iras al ĝi.* →



*Portebla telefono (sekve ne ĉiam trovebla). Ĝi iras kun vi (ĝis vi demetos ĝin en forgesota loko).* ↘



**Vortklarigoj por la sekva paĝo:**

*Kolekti:* arigi, grupigi, venigi al unu loko.
*Kerna:* centra, esenca, plej grava.
*Fasko:* kolekto de objektoj, ofte unu sur la alia.
*Etikedo:* afiŝo sur libro aŭ objekto, sur kiu oni skribas la nomon de la posedanto, aŭ kiu indikas la enhavon de la objekto. Multaj etikedoj estas mem-gluaj. Tiuj en la apuda kazo bedaŭrinde ne.

Lernantoj kaj studentoj kolektas multajn paperojn kaj dokumentojn. Kiel teni ilin orde? Jen praktika konsilo. Nur obeu la sekvajn dek simplajn paŝojn, kaj vidu mem la rezulton!

# Kiel teni ordon en viaj paperoj

1. Kolektu viajn dokumentojn en unu granda fasko.
2. Legu la dokumentojn kaj decidu pri unu kerna vorto, kiu resumas la enhavon.
3. Skribu tiun vorton per ruĝaj literoj en la supra dekstra angulo de la unua paĝo de la dokumento.
4. Aranĝu viajn dokumentojn en alfabeta ordo, laŭ tiuj ruĝaj vortoj.
5. Iru al paper-butiko kaj aĉetu dudek ok (28) plastajn aŭ kartonajn dosierujojn (vidu bildon 1).
6. Desegnu dudek ok etikedojn, unu por ĉiu litero de la alfabeto (vidu bildon 2)
7. Gluu unu literon sur la antaŭa flanko de ĉiu dosiero (vidu la bildon 3)
8. Metu la dokumentojn en la dosierujojn laŭ la komencliteroj de la ruĝaj vortoj.
9. Metu tiom da dosieroj sur vian breton, kiom ĝi entenas.
10. Jen ekzempla rezulto, kun breto, kiu havas spacon por nur kvin dosieroj (vidu la lastan bildon).











## Varba kunlaboranto

Ni ankoraŭ serĉas homon spertan pri organizado kaj varbado por pli sisteme serĉi abonantojn kaj teni regulan kontakton kun perantoj. Vidu <www.ilei.info>

## Gvidiloj por kontribuantoj

Tio estas ricevebla de nia retejo <www.ilei.info> en la paĝo *Revuoj*. Rubrikuloj kaj kontribuemuloj bonvolu legi ĝin kaj sekvi la konsilojn, por tiel helpi al ni limigi la prokrastojn en la aperigado de la revuo. Lernu kiel pretigi paĝojn!

## Abonprezoj por 2013 kaj 2014 samaj!

Por la sekva jaro la abonoj por nia revuo restos samaj kiel nun – samos ankaŭ la ofteco (3-foje jare) kaj la amplekso (52 paĝoj). Perantoj en tridek landoj akceptos viajn kotizojn; akcepteblas ankaŭ pagoj al la konto **juna-l** ĉe UEA. Nia administranto restas Sebastian Cyprych en Pollando <sebacyp@jabster.pl>

| | A-lande | B-lande |
|---|---|---|
| JA - jarabono | € 16 | € 11 |
| Ekde 3 ekz., po | € 13 | € 9 |

Donac-abonoj ege bonvenas, kiel ankaŭ klasaj aŭ grupaj abonoj por lernantoj!

**Eldonanto** de *Juna amiko*: Internacia Ligo de Esperantistaj Instruistoj (ILEI) jura sidejo: CO de UEA, Roterdamo, Nederlando. **Retejo:** sub rekonstruo ĉe <ilei-mondo.info>. Vidu <lernu.net> kaj <edukado.net>. **Redaktoro por la nuna numero**: *Stefan MacGill* (Pannónia u.30.I.6, HU-1136 Budapest, Hungario, *stefan.macgill@gmail.com*) **Lingva reviziianto**: *Baldur Ragnarsson* (Islando).
**Rubrikestroj:** *Judit Felszeghy, Karina MacGill, Juliana Vas-Szegedi* (ĉiuj Hungario), *Małgosia Komarnicka* (Pollando), *Monika Molnár* (Svislando), *Elena Nadikova* (Rusio) *Dieter Berndt* (Germanio). **Kunlaborantoj**: *s-ino Saliko, Anja Karkiainen, Vesa Pölkki* (Finnlando), *Neringa Gaus* (Litovio), *Jean Monique Noël* (Francio), *Jadranka Mirič* (Serbio), *Evandro de Freitas* (Brazilo), *Elizabeta Rajtmár, Zoltán Kurucz,* (Hungario), *Marija Beloševič* (Kroatio), *Michel Nkwirikiye* (Tanzanio), *Eugenia-Ecaterina Popoviciu* (Rumanio), *José J. Campos Pacheco* (Kubo), *Jasuo Hori* (Japanio), *Gian Piero Savio* (Israelo), *Nguyen Thi Ngoc Lan* (Vjetnamio),.
**Grafikisto**: *Pavel Rak* (Ĉeĥio). **Komenc-kovrila pretigo**: *Karina MacGill* (Hungario) Presita en Budapeŝto, Hungario
**Administranto**: *Sebastian Cyprych* <sebacyp@jabster.pl>
**ISSN 0230 1318**
**La sekva numero 2013/2 aperos kun nova redakcia teamo. La nuna redaktoro transdonos ĉion utilan por faciligi la transiron!**

